

# VALENCIA LUNO ★

Tria epoko – numero 4 – Aprilo 2020

★ **Kiel kalkulis la antikvaj egiptoj**

★ **Esperanto, vivanta lingvo**

★ **Lecionoj en la Luno**

★ **De mia fenestro**

## Ĉi tio ankaŭ pasos




BULTENO DE VALENCIA ESPERANTO-GRUPO

VALENCIA ESPERANTO-GRUPO
Av. Peris y Valero, 96, 3-a etaĝo, pordo 5-a
46006 VALENCIA
Tel. 655 315 457

LUM-RADIO
Avda. Castilla, 25
46380 CHESTE (Valencia)

Redaktoro kaj kompostisto: Eduardo Alonso Navarro

Revizio: Elías Hernández Capdevila kaj Iván García

Rimarkoj pri la bulteno kaj kunlaboroj: valencialuno3@gmail.com

NOTO: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

KOVRILO:

“Ĉi tio ankaŭ pasos”

Falla de la Urbodomo 2020 duon-muntita.



# ENHAVO



Foto: "Ĉi tio ankaŭ pasos" - Falla de la Urbodomo 2020 duon-muntita.

# SALUTON!

## De mia fenestro

Ĉi-monate mi multe rigardis tra la fenestro.

La unuaj tagoj ĉio kio okazis estis bruo kaj svarmado. Oni preparis "Las Fallas", la unuaj  petardoj ĵetitaj kaj la unuaj "*mascletás*" ekbruliĝis. Oni pendigis la festajn lumojn kaj oni preparis starigi la grandan festo-tendon apud mia domo. Oni komencis munti kelkajn "Fallas" kaj la aero jam odoris je pulvo kaj puf-benjetoj kun ĉokolado.

Kaj subite ĉio ĉesis. Oni komencis nuligi la grandajn eventojn, poste aliajn pli malgrandajn. La pecoj de la "Fallas" restis sur la stratoj, duone starigitaj, kvazaŭ ĝi ne scius kion fari. Kelkajn tagojn poste oni bruligis ilin, sed ĉi-jare kaŝe, meze de la nokto, sen aŭdienco kaj sen art-fajraĵoj.

La infanoj ĉesis iri al la lernejo, sed ne por ĵeti petardojn sur la stratojn aŭ por iri ferien, sed por esti enŝlositaj en iliaj domoj. Baldaŭ poste ankaŭ la plenkreskuloj ĉesis eliri.

Printempo venis kaj neniu scias kiel tio okazis. La vero estas, ke ne multe rimarkis, ĉar por ĉiu sunplena tago estis kvar nubaj aŭ pluvegaj. La plaĝoj estas malplenaj, kiel la stratoj, kiel la vojoj. Nur la hospitaloj estas plenaj.

Sed mi daŭre rigardas tra mia fenestro. Ne plu okazas luktoj aŭ militoj. La poluado malaltiĝas rapide. Homoj estas pli humana ol iam ajn. Ŝajnas, ke la vetero pliboniĝas kaj miaj najbaroj ĉiutage surprizas min aplaŭdante el iliaj fenestroj tiujn, kiuj riskas sian vivon por helpi aliajn. Ŝajnas, ke ni reakiras bonan sencon. Ŝajnas, ke ni reakiras sanon. Kuraĝon!

Eduardo Alonso

# KIEL KALKULIS LA ANTIKVAJ EGIPTOJ

Multe da homoj pensas ke la antikvaj egiptoj uzis strangan sistemon kiam ili volis kalkuli. Antaŭ ol ĉio oni devus klarigi ke tiu lerta kaj inteligenta popolo jam sciis kiel **adicii**, **subtrahi**, **obligi** (nuntempe multaj esperantistoj uzas la vorton **multipliki**, sed mi daŭrigos kun la Zamenhofa esprimo **obligi**) kaj **dividi** ekde preskaŭ la komenco de sia historio, jam antaŭ pli ol 5000 jaroj.

Sed, strange, ili uzis **po-dekan** aŭ **dekuman numer-sistemon**, similan al tiu kiun oni uzas nuntempe. La ununura malsameco baziĝas pri tio ke ilia numer-sistemo ne estis **pozicia**, kiel la nia, sed **aditiva**. Ekzemple, por esprimi la ciferon 3, ili ne havis simbolon por tiu kvanto, sed ili kunigis tri simbolojn, ĉiu el ili reprezentanta la **unuon** (ĉar ili havis simbolon por 1 sed ne por 2, nek por 3, nek por 4,...).



Kaj same, ekzemple, por reprezenti sur-papiruse la nombron 23, ili kunigis du simbolojn pri **deko** kaj tri simbolojn pri **unuo**, (ĉar ili havis simbolon por 10 sed ne por 20, nek por 30,...).



Foje, ili skribis la nombrojn de maldekstre dekstren, kaj foje kontraŭe, de dekstre maldekstren.

Daŭrige, por reprezenti la nombron 423, ekzemple, ili kunigis kvar simbolojn pri **cento**, du simbolojn pri **deko** kaj tri simbolojn pri **unuo**:



Kompreneble, ili ankaŭ havis simbolojn por **milo**, **dekmilo**, **centimilo** kaj **miliono**:

1.000

10.000

100.000

1.000.000



Jen kelkaj aliaj ekzemploj:

276

3.453

3.244

2.235

21.237

115.639



Elías Hernández Capdevila,
grupano 238 de la Grupo Esperanto Valencia

# LECIONOJ EN LA LUNO: NOVA, PERZOOMA LECIONO EN VALENCIO

## de Dennis Keefe

Meze en marto homoj en Hispanio subite ne plu povis libere renkontiĝi, eĉ ne eliri el siaj domoj pro la rapide disvolviĝanta koronviruso. Ekde tiu momento, Esperantistoj de Valencio komencis demandi sin, ĉu eblos renkontiĝi elektronike, virtuale, kaj tiamaniere daŭrigi la BEK-Benson-Kurson, kaj la Kurso-Kihoton. Homoj komentis tiun temon en nia loka ŭasapa tujmesaĝilo, kaj sekve Raúl kreis grupon en la servo de meet.jit.si nomata ESPERANTIO. Poste, Eduardo kreis similan grupon en Zoom.

Post multe da entuziasmo por interreta instruado, sed malmulte da efika komunikado pro teknikaj malglataĵoj, mi konkludis, ke eblis daŭrigi la ĉeestan kurson en elektronika formato, sed NUR SE en la bazaj vortaj kaj gramatikaj ekzercoj eblis vidigi la ekzercojn uzatajn. Per la vido la partoprenantoj povas pli bone kompreni la mankantajn partojn de la sonoj kiuj alvenis al iliaj oreloj. Do mi decidis krei novan ekzercon.

Mi pensis, ke estus interese havi specialan ekzercon pri la koronviruso-fenomeno mem. Tiel la partoprenantoj lernos la ĝustajn vortojn por paroli pri tiu temo, kaj ili iĝos multe pli komforta – kaj preciza – kiam ili, en esperantaj konversacioj, parolis pri tiu malsano. Pro tio, ke la celo de la BEK-Benson-Kurso estas uzi relative simplajn frazojn, mi ne enmetis komplikajn subfrazojn, participojn kaj similajn. Mi organizis la tuton laŭ la Valencia Metodo (klarigota en alia momento), kiu permesis al la gelernantoj mem estri la instruadon kaj praktikadon, kaj permesi al eĉ praktikantoj de malsamaj niveloj partopreni en la sama klasĉambro sen streĉiteco.

Sekvas la ekzerco kiun ni uzis por la 27a de marto kaj la 3a de aprilo. Mi lasas la vorteton KRON-, anstataŭ KORON-, kvankam ĉi lasta estas ekde antaŭ kelkaj tagoj la rekomendata formo de la Akademio de Esperanto. Mi lasas la KRON-formojn nun, ĉar ni faris la ekzercon ĝuste tiel. Se vi mem volas uzi la ekzercon, sciu, ke vi povas ŝanĝi, kaj ke la ekzerco ne estas farita por unuhoma uzado, sed por interkomunika laboro inter almenaŭ 2 parolantoj. Memoru, ke la ĉefa afero, por niaj komencantoj, estas respondi al la demandoj, post aŭdi ilin, SEN rigardi la skribitan tekston. Jen, sen ŝanĝoj, la novkreita leciono uzita. Ne forgesu kunlabori kun partneroj.

1. En la mondon venas nova malsano. Kiel tiu malsano nomiĝas?
2. La kaŭzo de tiu malsano estas mikrobo. Kia mikrobo ĝi estas: bakterio, protozoo, aŭ viruso?
3. Kiuj mikroboj estas pli grandaj: bakterioj aŭ virusoj?
4. Ĉu eblas vidi virusojn nudokule? Ĉu eblas per lummikroskopo? Ĉu eblas per elektrona mikroskopo (elektronmikroskopo)?
5. Science, ĉu vi scias, kiel nomiĝas la nuntempa kronviruso?
6. Science, ĉu vi scias, kiel nomiĝas la nuntempa malsano?
7. Ĉu viruso estas viva, vivanta?
8. Kia estas la diferenco inter unuĉelaj mikroboj, kiaj bakterioj kaj virusoj?
9. En kioma jaro komenciĝis la kronvirusa malsano? En ĉi tiu jaro, aŭ en la lasta jaro?
10. Sur kiu kontinento ĝi ekis?
11. En kiu lando, en kiu urbo ĝi komenciĝis?
12. Kion devis, kaj kion devas fari la homoj kiuj loĝas en la urbo Wuhano pro la viruso?
13. Ĉu nun faras ion similan ni ĉi tie en Hispanio? Kia estas la diferenco?
14. Kiam komenciĝis nia kvaranteno, kaj kiam ĝi finiĝos?
15. Ĉu oni povas uzi penicilinon aŭ alian antibiotikon kontraŭ la kronviruso? Kial jes, kial ne, kial eble?
16. Se oni ekhavas la kronviruson, ĉu oni tuj havas videblajn simptomojn?
17. Kiaj estas la simptomoj?
18. Por eviti la kronviruson, kion vi povas fari?
19. Ĉu vi portas maskon? Kiuj devas porti maskojn?
20. Ĉu la malsanejoj kaj hospitaloj havas sufiĉe da spaco por zorgi pri ĉiuj infektitoj de la kronvirusaj homoj?
21. Ĉu estas riske esti kuracisto aŭ flegisto kaj prizorgi, kuracadi pacientojn kiuj havas la kronviruson?
22. Nun iomete pri la epidemio: kia estas la diferenco inter epidemio kaj pandemio?
23. Ĉu vi aŭdis pri aliaj epidemioj de la historio? Ĉu vi povas doni ekzemplojn?
24. Ĉu la kronviruso estas iomete, iom, multe aŭ treege kontaĝa?
25. Kiel preventi mem esti kontaĝita?
26. Pri la kvaranteno: Ĉu vi restas hejme la tutan semajnon aŭ ĉu vi povas eliri de tempo al tempo?
27. Kiam vi elhejmiĝas, kion vi faras?
28. Ĉu la policistoj permesas al homoj ĉi tie en Hispano libere promeni sur la plaĝoj kaj en la parkoj?
29. Kio okazos se vi forgesas vian identigilon kiam iu policano kontrolas vin?
30. Kiom povas esti la monpuno?
31. Antaŭlasta demando: Kio okazas nuntempe tra la mondo? Ĉu vi aŭdis la lastajn novaĵojn?
32. Kion alian vi volas diri pri la temo hodiaŭ?

# LA PASINTECO

## Esperanto, vivanta lingvo

La ĉefredaktoro de la "Valencia Luno" diris al mi, ke mi rakontu iun ajn okazintaĵon el mia esperanta travivo. Kvankam mi pli preferas labori ol paroli aŭ skribi mi cedis al tiu sugesto.

Dum mia instruado de la Internacia Lingvo oni faris al mi multajn demandojn, kritikojn, antaŭjuĝojn. Mi rememoras nun unu el tiuj antaŭjuĝoj multfoje al mi farita:

"Esperanto, artefarita lingvo, ne povas esti vivanta idiomo".

Proksimume mi rezonis al ĉiuj tiamaniere:

Tiu argumento estas nur teoria ĉar la praktiko respondas tute kontraŭe kaj ni, esperantistoj, bone scias, ke nia kara lingvo, Esperanto, ne estas "artefarita".

La radikojn, la vortaron de la Internacia Lingvo, Zamenhof bone elektis inter la plej internaciaj de la ĉefaj idiomoj naciaj, plej parte el la latina aŭ el la latinidaj lingvoj, precipe el la franca; ankaŭ grandparte el la germana, el la angla kaj kelkaj el la rusa, pola, k.t.p. Ekzemple:

Latindevena:

| | |
|---|---|
| Fuligo = fulgo; | apud = apud; |
| domus = domo; | vir = viro. |

Francdevena:

| | |
|---|---|
| Citrone = citrono; | chapeau = ĉapelo; |
| rapide = rapido. | |

El la germana:

| | |
|---|---|
| Katze = kato; | hund = hundo; |
| trinken = trinki. | |

El la angla:

| | |
|---|---|
| Street = strato; | bird = birdo; |
| letter = letero. | |

El la rusa:

Nepremenno = nepre; frukt = frukto;

kajuta = kajuto; stal = ŝtalo.

El la pola:

bazar = bazaro; buduar = buduaro;

fasada = fasado; hamac = hamaco.

Se la elpensinto de Esperanto estus kreinta ĉiun vorton tute arbitre, plene laŭplaĉe, tiam la Internacia Lingvo estus "artefarita" kaj tiuj vortoj estus tre malfacile memoreblaj.

Zamenhof rimarkis, ke ĉiam pli, granda nombro da internaciaj radikoj estas ĝenerale uzataj en la modernaj lingvoj. Kiel bazo de la vortaro li prenis tiujn radikojn. Jen estas ekzemplo de tiu internacieco:

Rimarku la Esperanta radiko PARK (parko):

Latine = parcus; hispane = parque;

portugale = parque; itale = parco;

france = parc; germane = park;

angle = park; pole = park;

ruse = park.

Estas videble, ke nia genia Majstro, D-ro. Zamenhof, ellaboris idiomon sur internacia lingvo-materialo kaj pro tio li sukcesis.

Vizitu la Internaciajn Esperanto-Kongresojn kaj via dubo, malkonfido, antaŭjuĝo tuj malaperos aŭdante centojn da parolantaj esperantistoj el la plej diversaj nacioj; tie oni parolas unu solan komunan lingvon al ĉiuj partoprenantoj, lingvo ne imperialisma, ne nacia kaj tial oni ofendas nenies lingvistikajn sentojn.

Do, konsekvence, ĉi tio pruvas ke "Esperanto estas vivanta lingvo".

Félix Navarro

Valencia Luno - Dua Epoko - No 5 Aprilo 1983

# PROTOKOL-LIBRO DE SESIOJ

## Kion ni faris en marto?

**La 6-an de marto** ni translokigis niajn agadojn al Sagunto. Kiel kutime, je la 4-a ni praktikis kun la BEK kaj Benson-kursoj. Je la 5a ni komentis ĉapitron 10 de Don Kiĥoto pri agrabla babilado inter Don Kiĥoto kaj lia ŝildisto Sancho Panza.



Poste ni vidis la ekspozicion pri Esperanto, en la kulturcentro "Mario Monreal", kiu estis montrita de la 2a ĝis la 6a de marto, organizita de la grupo Liberanimo kun la subteno de Hispana Esperanto-Federacio.



Ĝi estis akompanata de prelego en kiu partoprenis Alberto Granados, prezidanto de la teruela grupo Liberanimo kaj estrarano de Hispana Esperanto-Federacio, kiu parolis pri "Esperanto, lingvo internacia, neŭtrala kaj facila", kaj Raúl Salinas, prezidanto de la Grupo de Esperanto de Valencio, pri "Historio de Esperanto en Valencio".



Kaj fine ni festis fratecan vespermanĝon kune kun la membroj de Liberanimo.





**La 13-an de marto** la prezidanto, vicprezidanto kaj kasisto iris malfermi la novan bankan konton, sed la banko-oficejo estis fermita, do ni decidis reiri al nia sidejo por organizi iujn malnovajn revuojn, trinki kafon / teon kaj iom babili.



**La 19-an de marto** Raúl kaj Elías inter-konektis per MEET JITSI (https://meet.jit.si/Esperantio) dum preskaŭ kvarono da horo, babilante per nia mirinda lingvo.




**La 20-an de marto** pro la restriktaj mezuroj por kronviruso, ni translokigis nian semajnan kunvenon al la virtuala mondo. Dum unu horo kaj duono 8 esperantistoj interkomunikis per video konferenco uzante Jitsi (https://meet.jit.si/Esperantio). Kiel kutime, je la 5a ni komentis ĉapitron 11 de Don Kiĥoto kiu temas pri tio kio okazis inter don Kiĥoto kaj kelkaj kapro-paŝtistoj.

**La 21-an de marto** je la sesa horo posttagmeze komenciĝis nia horlonga babilrondo per Jitsi (https://meet.jit.si/Esperantio). Komencante hodiaŭ, ĉi tiuj babil-rondo okazos ĉiutage. Tio permesos al ni eliri virtuale el nia domo dum unu horo. Ni invitas ĉiujn esperantistojn partopreni, kia ajn estu ilia nivelo. Ni kuraĝigas partoprenantojn prepari temon por prelego de ĉirkaŭ

kvin minutoj, kvankam se iu ne volas paroli, li povas simple aŭskulti. Memoru, ĉiutage je la sesa posttagmeze. Kuraĝon!

20 minutos Actualidad Nacional Internacional Deportes Cultura Opinión Más

ECONOMÍA EMPLEO INTERNACIONAL NACIONAL MÁS

ÚLTIMA HORA Marlaska no aclara si el Gobierno optará por ampliar el estado de alarma

DIRECTO Simón: "El foco ya no está en el pico porque ya estamos en el pico"

**Aprender esperanto durante la alerta por el coronavirus: "Une a las personas por encima de las fronteras"**

BEATRIZ RODRIGUEZ 24.03.2020 - 16:18H

"La gramática es muy sencilla, se aprende en un par de días", cuenta a 20minutos el presidente de la Federación Española de Esperanto.

Libros sobre el esperanto. CEDIDA

BLOGS DE 20MINUTOS

TU BLOG — Los autónomos no estamos preparados para hacer frente a este cierre

VEINTE SEGUNDOS — Cómo medir las estadísticas del fin del mundo

1 DE CADA 10 — Disidentes – Del amor y otras políticas afectivas

**La 24-an de marto** la ĵurnalo 20 minutoj eldonis: Esperanton dum la koronavara atentigo: "Ĝi kunigas homojn trans limoj"

**La 27-an de marto** nia virtuala kunveno daŭris tri horojn. Je la kvara posttagmeze la BEK-Benson kurso, kun novaj BEK-ekzercoj, 32 demandoj rilate la kronvirusan krizon, verkitaj de Dennis. Je la kvina la Kiĥota horo pri demando-responda legado. Tiu Kiĥoto estas vera juvelo, kaj ĉapitro 12 estas aminda. Temas pri tio, kion rakontis paŝtisto al la akompanantoj de don Kiĥoto. Kaj poste, je la sesa, nia kutima babilrondo.

Memoru, vi ankaŭ povas utiligi ĉi tiujn tagojn de kvaranteno por verki artikolojn kaj kunlabori kun nia mirinda revuo Valencia Luno.

Eduardo Alonso

# KUIRA RECEPTO

## Maristo Pasteĉo

En ĉi tiuj malfacilaj tempoj mi savis de forgeso unu el miaj plej ŝatataj receptoj. Simpla, malmultekosta kaj bongusta.

Ingrediencoj:

1 ladskatolo da frizitaj mituloj

1 ladskatolo de sardinoj en tomato

1 ladskatolo de skombro en oleo

aŭ io simila, la plej grava afero estas, ke ili estas tri ladskatoloj el malsamaj fiŝoj kaj kun malsamaj gustoj.



Preparo:

Malfermi ĉiujn tri ladskatolojn kaj elŝuti sian tutan enhavon en la kirlilo-miksilo. Pisti ĝin bone ĝis vi ricevos glatan pasteĉon. Ĝi povas esti ornamita per krabaj bastonoj, anĉoj, olivoj, kukumetoj aŭ malmolaj ovoj. Malvarmigu kaj servu kun toastoj, krakenoj aŭ kun malgrandaj tranĉaĵoj de pano.

Eduardo Alonso

# MESAĜO DE UEA
## okaze de Internacia Virina Tago
## 8 marto 2020

[ Mesaĝo sendota al UN kaj UNESKO en la venontaj tagoj. Kun afabla peto republikigi ĝin en viaj lokaj kaj landaj paperaj gazetoj kaj aperigi ĝin en viaj aliaj komunikiloj. Dankon! ]



Universala Esperanto-Asocio salutas la virinojn de la mondo, precipe la anojn de la Esperanto-komunumo, okaze de Internacia Virina Tago 2020. Parolantoj de la Internacia Lingvo Esperanto, same virinoj kiel viroj, troviĝas en ĉiu angulo de la mondo. En sia rolo kiel internacia lingvo laboranta por rekta kaj nefiltrita dialogo inter la civitanoj de la mondo, Esperanto unike situas por ĉie helpi virinojn interkomunikiĝi trans la bariloj de distanco kaj lingvo, interŝanĝi vidpunktojn kaj ideojn kaj organizi sin ĉiuloke por agado subtene al virinoj.

Ni rekonas, ke multo farendas: egala kompenso por egala laboro, aliro al edukado, adekvataj sanservoj, jura egaleco, egala klerigo por knabinoj kaj knaboj – la listo longas. El inter tiuj infanoj kiuj havas aliron al edukado, tro multaj knabinoj frue forlasas la lernejon, antaŭ ol ili povas evoluigi la proprajn lertojn aŭ pretigi sin por karieroj. Kvankam Unuiĝintaj Nacioj atingas progreson, precipe per Tagordo 2030 kaj ties Celoj por Daŭripova Evoluigo, kreskantaj problemoj pro klimatŝanĝiĝo, dislokiĝo, militagado kaj epidemioj subfosas tiun progreson – kaj estas eviteblaj. Bezonataj estas pli da dialogado, pli da preteco kompromisi, pli da interkompreniĝo, inter homoj kaj registaroj ĉie. Ni parolu la lingvon de la paco.

"Veraj ŝanĝoj," laŭ Unuiĝintaj Nacioj, "estas dolorige malrapidaj por la plimulto de virinoj kaj knabinoj de la mondo. Hodiaŭ eĉ ne unu lando povas pretendi, ke ĝi atingis genran egalecon." Ĉehejma kaj publika perforto

kontraŭ virinoj daŭras, same kiel rezisto al feminismaj sukcesoj. “Venis la tempo,” diris Ĝenerala Sekretario António Guterres lastatempe “kiam ni ĉesu klopodi ŝanĝi virinojn kaj komencu ŝanĝi la sistemojn kiuj malhelpas ilin atingi sian potencialon.”

"La homaro estas kiel birdo kun du flugiloj" diris 'Abdu'l-Bahá. Unu flugilo estas la viraro, la alia - la virinaro.
Antaŭ ol ambaŭ flugiloj estos egale fortaj kaj disvolvitaj, la birdo ne povas flugi.
Kaj tiu dua, ĝis nun malforta flugilo, iom post iom fortiĝas.

LIDJA ZAMENHOF

tejo

*Lidja Zamenhof, la plej juna filino de la iniciatinto de Esperanto, L. L. Zamenhof, antaŭ la Internacia Konferenco de Virinoj en Vieno, en 1936.*

UEA rekonas kaj honoras la gvidan rolon de virinoj en movadoj por lingva kaj kultura revivigo, kaj por ŝirmi la endoman sferon kontraŭ subpremo kaj diskriminacio. Tiaj iniciatoj formas esencan parton de la strebado starigi mondon kie multaj kulturoj kaj lingvoj povu harmonie kunekzisti, kaj kie vera genra egaleco realiĝu.



> Ĉe la sojlo de la nova epoko ekstaras la homaro kiel malforta, tremanta infano. Virinoj, etendu al ĝi helpan brakon, por ke tiu infano ne falu ĉe la sojlo, por ke ĝi kresku en gloro kaj iru antaŭen al pli bona estonteco!
>
> LIDJA ZAMENHOF

tejo

*Lidja Zamenhof, partojn de Por ke la tagoj de la homaro estu pli lumaj*

Sekve, ni esprimas nian solidarecon kun movadoj por forigi diskriminacion kontraŭ virinoj kaj knabinoj kaj krei daŭripovan estontecon kiam ĉiuj homoj traktiĝas kun egalaj atento kaj respekto, sendepende de lingvo, kulturo, genro kaj aliaj formoj de diverseco.



# LA UNIVERSALA KONGRESO EN MONTREALO

## prokrastita al la jaro 2022




UEA esperas, ke ĉiuj bone fartas. La sano de la kongresanoj kaj de ĉiuj homoj estas por ni la plej alta prioritato. Post zorga konsiderado de ĉiuj aspektoj de la koronvirusa tutmonda epidemio kaj ĝiaj sekvoj, la Estraro de UEA, la Centra Oficejo, LKK kaj la kongresejo en Montrealo venis al la konkludo, ke tute ne estus sekure kaj prudente okazigi la UK-on en Montrealo en 2020. Cetere, laŭ la novaj pli striktaj reguloj de la kebekia registaro, je nia granda bedaŭro en 2020 ne eblos okazigi Universalan Kongreson de Esperanto.

Pro tio la Estraro de UEA unuanime decidis prokrasti la Universalan Kongreson en Montrealo al la jaro 2022.

Ni kore dankas al la Loka Kongresa Komitato (LKK), kiu dum jaroj obstine laboris por organizi la Kongreson kaj pretas daŭrigi la laborojn por la UK en Montrealo en la jaro 2022.

Ĉiu aliĝinto estis rekte informita de la Kongresa Fako de UEA rilate la prokraston al 2022, la aŭtomatan nuligon de mendoj kaj la repagojn.

Por ke la esperantistoj tamen havu la okazon sperti grandan internacian aranĝon en tiu ĉi jaro, estas planata virtuala evento en la monatoj julio-aŭgusto, kiun povos partopreni ankaŭ tiuj, kiuj ne planis veni al Montrealo.

Pliaj informoj pri tio aperos en sekvaj komunikoj de UEA.

# LA ESTONTECO

## Kiam, kie, kio okazos?

# Restu hejme




Internacia Kalendaro de Esperanto-aranĝoj

http://www.eventoj.hu/

Kiam, kie, kio okazos? La Internacia Kalendaro listigas ĉiujn publikajn kaj konatajn Esperanto-aranĝojn, renkontiĝojn, festivalojn kaj kongresojn, kiuj bonvenigas viziton de vojaĝemaj esperantistoj.




16 - 17. aprilo

7-a Irana Esperanto Kongreso, IREK-7* - Temo: Esperanto kaj Daŭra Turismo. La 7-a Irana Esperanto-Kongreso okazos surrete dum la 16a kaj la 17-a de aprilo. La evento okazos sur-rete pere de "Zoom Video-Konferencilo". Organizas: Irana Esperanto Asocio (IREA). - retadreso: info@espero.ir

17 - 19. aprilo

Printempa Reta Kursaro - en via hejma kastelo. Pro la mondepidemio, anstataŭ la staĝo PRINTEMPAS en kastelo Greziljono, okazos en via hejma kastelo Printempa Reta Kursaro. Lernu en la virtuala kastelo. Organizas: la asocio Ins'eo kaj la Kulturdomo de Esperanto. - retadreso: kontakto@ins-eo.org



24 - 25. aprilo

KER-ekzamenoj post PRINTEMPaS - en Baugé, Francio. Eblas ekzameniĝi en KER-niveloj B1, B2, C1. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé-en-Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

25. aprilo



Printempa Esperanto-Renkontiĝo (PER)* Interrete en 2020 pro koronavirus! Organizas: Karlo MAYS, 16 Dixie Trail, Raleigh, NC 27607, Usono. - retadreso: charles.o.mays@gmail.com

Registrado bezonata antaŭ la 17a de aprilo 2020! Limdato!

Kosto: Senpaga

Kie: interrete per Zoom. Detaloj estos donitaj al vi post registriĝo.

Kio: Esperanto-agadoj gvidataj de Thomas Alexander (instruisto de NASK).

30. aprilo - 3. majo* sekve al hejmigo en Belgio (kaj Eŭropo ĝenerale) PEKO2020 estas prokrastita al 2021.



PEKO - en Tilff, Esneux, Belgio. De pluraj jaroj, PEKO estas LA kongreso en Belgio. NEPRE venu kaj invitu viajn amikojn, genevojn, genepojn, najbarojn, E-lernantojn... Organizas: Verdaj Skoltoj. - retadreso: info@verdajskoltoj.net




30. aprilo - 4. majo - Prokrastita al oktobro

79-a Hispana Esperanto-Kongreso - en Comillas, Kantabrio, Hispanio. La Hispana Esperanto-Federacio (HEF) kaj Kantabra Esperanto-Asocio (KantEA) invitas vin partopreni en la 79-a Hispana Esperanto-Kongreso, en Comillas, urbeto ĉe la marbordo de la nordo de Hispanio, proksima al Santandero, kaj kun grava historia, turisma kaj universitata havaĵo. Venu

kaj ĝuu grandan esperantan kulturarangôn en Hispanio. Organizas: Kantabra Esperanto-Asocio, kunlabore kun Hispana Esperanto-Federacio, San Fernando 58, principal 8, ES-39010 Santander, Hispanio. - retadreso: kongreso@esperanto.es

30. aprilo - 4. majo



Koruso-Migrado-Naturarto - en Baugé, Francio. Longa semajnfino kun pluraj E-aktivaĵoj. Organizas: Esperanto-Kastelo Greziljono, MCE Grésillon, FR-49150 Baugé en Anjou, Francio. - retadreso: kastelo@gresillon.org

1 - 5. majo - Prokrastita al 2021

Mez-Azia Kunveno, MAK - en Duŝanbe, Taĝikio. Unua Mez-Azia Kunveno okazos en Taĝikio, ĝia ĉefurbo Duŝanbe, kun posta 3-taga ekskurso al Samarkand, antikva uzbekia urbo. Oni antaŭvidas multajn interesajn, atentokaptajn programerojn: klerigajn kaj artajn. la aliĝado estas jam malfermita. Plie informiĝu ĉe la organiza teamo - retadreso: mezaziakunveno@gmail.com

1 - 5. majo

Urboj tra tempoj - en Penza, Rusio. La aranĝo estos ĉefe turisma kun pluraj urbovizitaj ekskursoj. Tranoktado en la gastejo "Nice-hostel". En la programo ni havos prelegojn, konversaciajn rondojn, intelektajn kaj psikologiajn ludojn, poezian horon, tabloludadon ktp. Vespere ni nepre vizitos teatraĵojn aŭ filharmonion. Organizas: Moskva E-Asocio, MASI, Irina Gonĉarova - Retadreso: mirinda.strigo@gmail.com

1 - 10. majo

Mirinda Lviv - en Lvov, Ukrainio. Esperanto-renkontiĝo, kies celo estas plialtigi la lingvonivelon de partoprenantoj kaj konatigi ilin kun la kultura

ĉefurbo de Ukrainio. Organizas: Volodimir Hordijenko, p/k 35, Kiev-133, UA-01133, Ukrainio. - retadreso: volodomir@ukr.net

2 - 5. majo - Prokrastite!




16-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado - en Gangneung, Koreio. Esperantista Asocio de Ŭonbulismo (EAŬ) ekde la jaro 2006 ĉiujare okazigas internacian meditadon, en kiu oni praktikas meditadon, faras komunan ekskurson al vizitinda loko, spertas korean kulturon, konatiĝas kun ŭonbulismo kaj tiel plu. Ni planas komune veturi de Seulo kaj de la trejnejo. Organizas: Esperantista Asocio de Ŭonbulismo (EAŬ). - retadreso: chtaesok@hanmail.net




16 - 17 majo

Ĵurnalista Esperantista Seminario de TEĴA - prokrastita al 19-20. de septembro. Informas: Vytautas Šilas, vilnastelo@yahoo.lt, tel: + 8-611-75500,



20 - 24. majo

61-a BARO - en Hameln, apud Hannover, Germanio. Multaj venas kun siaj infanoj. Ni kuiras mem, babilas, ludas, festas, eluzas la eblojn de la granda herbejo kaj povas fari lignan fajron

21 - 27. majo

Ekskurso al Irano - en Borujerd, Irano. Bonvolu skribi rekte al m_tajikistan2004@yahoo.com. Li sendos al vi ĉiujn informojn. Organizas: Turisma vojaĝagentejo, Iran-Borujero-Golesorkhi Ave-no 154, Irano. - Retadreso: orangagency@gmail.com

23 - 24. majo




Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj - en Wroclaw, Pollando. La Festivalo okazas ĉiujare en majo en du kategorioj: 1. koruso aŭ ensemblo / 2. solisto. Ĉiu partoprenanto kantas du kantojn: unu en Esperanto, la alian en sia nacia aŭ fremda lingvo. Pritaksataj estas nur Esperantaj kantoj. La festivalon patronas la urbestro de Wroclaw. La premiitoj ricevas diplomojn kaj pokalojn kaj ĉiuj partoprenantoj ricevas diplomon pro la partopreno. Inf: Malgorsia Komarnicka, retadreso: informado.eo@gmail.com

29 - 31. majo*




Polyglot Gathering - Polyglot Gathering Online. Polyglot Gathering (Plurlingvula Kunveno) estas neformala evento okazanta unu fojon jare kaj kunvenigas poliglotojn (homojn, kiuj parolas plurajn lingvojn) kaj lingvemulojn el la tuta mondo. Ĝi estas kvin-taga evento kun prelegoj, atelieroj kaj sociaj agadoj por ĉiuj, kiuj amas kaj ĝuas lingvojn. Ĉi tiu evento estas organizita de esperantistoj kaj kutime ĝis 1/4 de la pli ol 500 partoprenantoj (ek)lernis aŭ regas Esperanton. Organizas: E@I. - retadreso: info@polyglotgathering.com

29. majo - 1. junio







Transponta Esperanto-Kongreso - en Frankfurt (Oder), Germanio kaj Słubice, Pollando. Dum la pentekostaj tagoj de 2020 Pola Esperanto-Asocio kune kun Germana Esperanto-Asocio okazigos komunan kongreson en la limurboj Frankfurt (Oder) kaj Słubice. Kune kun la du landaj

asocioj samloke kongresos la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio. Dum la unuaj tagoj la kongreso havos komunan programon por ĉiuj tri partneroj. La fervojista kongreso tamen laŭkutime daŭros tutan semajnon. Ĝi do havos propran programon de la 1-a ĝis la 5-a de junio. Organizas: Pola Esperanto-Asocio, Germana Esperanto-Asocio. - retadreso: gek@esperanto.de

29. majo - 5. junio




72-a IFEF-kongreso - en Frankfurto ĉe Odro, Germanio / Słubice, Pollando. Atendos vin ne nur fakaj programoj, sed ankaŭ programeroj por la amikoj kaj simpatiantoj de fervojo, riĉa kultura programo (spektakloj, koncertoj, dancvespero) ktp. La diverstemaj fervojfakaj prelegoj prezentos fervojajn novaĵojn kaj progresojn. Ne mankos temoj pri la moderniĝo de fervojo mondskale, tiel ke la kontribuo de la fervojistaj esperantistoj al nia kongreso povas demonstri, ke la daŭra evoluo en fervojfaka medio estas inter la plej progresemaj. Kvankam fervojista kongreso, ĉiuj esperantistoj kaj amikoj de fervojo estos bonvenaj ĉar ĝi estas malfermita al publiko, al la urbo, al ĉiuj kiuj interesiĝas pri Esperanto. Organizas: Internacia Fervojista Esperanto-Federacio. - retadreso: ifefesperanto@gmail.com

fonto: http://www.eventoj.hu

* Ĝisdatigitaj datumoj laŭ la retejo de la organizanto